# PENSEO

N-ro 351

jan. / 2021

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 32-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Rita Mkrtĉjan (Armenio)



### Aŭtuna folio

*Kiam mi rememoris amatan novelon de O. Henri "Lasta folio"…*

Folio verda sur la branĉ' de l' arbo
Ekĝojis pro la lasta suna bril',
Naturo kvietiĝis en atendo,
Sentebla estis fora norda spir'.

Folion ne timigis frosta vento
Ĝi revis resti longe, ĝis somer',
Ekvidi vintron, kapti blankan neĝon,
Ne morti kun aliuj sur la ter'.

Nerimarkeble pasis tempo,
Silento neĝa regis en ĝarden',
Solecon sentis folieto
Kaj rememoris kun ĉagren';

La trilon gajan, viglan de birdetoj,
La farbojn de somera mond',
Amuzan bruon de folioj,
La dancon de petaloj en belega rond'.

Folio malvarmiĝis sur la branĉo
Neĝeroj brilaj valsis en aer',
Dormetis arboj sub kovril' lanuga,
Malhela iĝis suno en ĉiel'.

Kaj ne rimarkis eble piedirantoj,
Ke preterflugis eta siluet',
Malsupreniĝis kun glaciaj larmoj
De aŭtuno lasta foliet'.

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Kristnaska petego

Post ĉi senfina tempo,
l'anim' fine renoviĝas,
kaj volas petegi donacon
nealireblan ĝis nun:
ke mia koro ŝanĝiĝu
en staltrogon el amo,
vivantan sanktejon el lumo,
kaj vin akceptu, Jesuo!

*Juiz de Fora, 20/12/2020.*

## Wally Du Temple (Kanado)



### Kanarioj Estis Aŭgurantoj

Ĉu vi aŭdis pri kantantaj kanarioj
Kiujn la ministoj en minejojn portas
Averti pri asfiksio de spirgasoj
Mortigaj se spasme en la plumojn glutas?
Kiaj strangaj partneroj sed ne volontaj –
Kanarioj flavaj, kaj polvaj ministoj
Devas fulge fosi, la ministoj karbaj
Volas forflugi, la kaptaj kanarioj
Libere sori sur ventondoj, flugi
Al amato ien alte super arboj.
Kante ĉerpi, kaj sen kaĝe amdeklari.
Ministoj karbaj ne volas sufoki sin
En toksaj haladzoj, borantaj subtere
Devigas birdetoj mortigi sin
Por sekure, ili manlaboru lukre.
Kaj nun, kaj nun kiajn aŭgurojn?
Ĉu ni mortigas ekosistemojn?

Ĉu ni atentas, Ĉu ni atentas ?
Kio atendas? Kio atendas?

## Miaj Tri Nimfoj

**‘Kara Kvieteco’** aspektis teda diino
Silente enuigis senvorte, senfine.
Volis sidi, mediti, filosofii profunde
‘Kara Kvieteco’ ne mia inklino.
**‘Fara Moveco’** ŝajnis agrabla amiko
Ni agis, ni pagis, ni ĉion preparis
Vendis, aĉetis, tre sprite plenumis
Farendaĵojn, komisiojn per bela apliko
Dum vorticoj, metiaj, profesiaj, rapidas
Pensis mi atendi por ‘**Kara Kvieteco**’
Ĝis **‘Fara Moveco’** per moka kunklaĉo
Diris ke **‘Kara Kvieteco’** per nenio
sufokas
La emojn produkti, lukri, aĉeti, amasiĝi
Aŭton, domon, veston, aparaton, beston.
Por konfesi la veron. Mi sentis la mergon
Kiel frukto trempita ĝis maceraĵo estiĝi
Memo infuzita, marinita, saturita, solvita
Nek agas memstare nek movas mempense.
Dependiga, toksa maniulo gapante trance
Dronanto en marĉo saviĝon serĉanta.
Perdita; apude aperis **‘Kvieteco Kara’**
Kiu ŝvebis supre de maronda nubo
‘Aŭskultu’ mi aŭdis,’ al **‘Fida Flustreto’**
Kaj ekparolis tutklare la diino nimfa.
“Amu vian vivon. Trovu la signifojn.
Via memo kun amo sufiĉas. Min fidu!
Per koro kiel kolombo vian spiriton animu
Tiam kviete sincere amu la virtojn.
Estu ama, modesta, lojala, findema
Justa, honesta, paca servemulo
Taktoplena, danka, kompatemulo
Estu kuraĝa amiko neniam juĝema.
Per viaj agoj virte virtuozu.
Pli bone virto sen mono
Ol mono sen honoro.
La virto mem rekompensu.”

## Aleks Ulitin (Rusio)



## Odo al Zamenhofa Tago

ĉi tie
en mia malnova domo
flagras portebla ekrano kiel kandelo
kaptas ondojn de la etero
kaj ĉerpas diversajn vortojn el ili
kiam
ili parolas ilian belajn denaskajn lingvojn
mi ne estas aŭdanta por iliaj koroj
mi estas vidanta grandan vortaron
kiun mi tenas antaŭ mi sur la tablo
sed
unu amiko helpos min certe
li diros— parolu malsame kaj pli facile
ne per peranto sed vorte kaj kore kaj scie
parolu, amiko, parolu per Esperanto.
vi, amiko
kaj mi— neniam kontentiĝis
loĝas ni en malsamaj epokoj
sed vi ŝajnas paroli hodiaŭ
en ĉi tiu tempo kaj ĉi tiu loko
Ludoviko Lejzer Zamenhofo!



## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



Venis vi en noktomezo
sur la flugoj de la nebulo.
Eksidis ĉe mi
kaj longe min vi spektis.
Hirtigis vi mian hararon.
Trinkis amon el miaj okuloj,
kaj kisis vi animon mian.
Per trosekiĝa ritoj vi
fortrinkis la lakton en mi
Kaj
ekflugis al la steloj.
Malfermis mi okulojn

kaj vekiĝis.

## Jadranka Miric (Serbio)



### VINTRAS

Vintro venis honte,
prujne valojn kovris,
Suno salutis vin surmonte
mildtenere. Ĝi, ja, povis .
En arbaro kvazaŭ en ĝangalo
krioj subpremis kanton de najtingalo.
Post abunda kaj pluvo longdaŭra
vigliĝis bestoj pro aero pura.
Malgajis verda pino
kaj piceo maljuna,
pro forta ventego al ĝia sino,
pro manko de tago suna!
Kliniĝis la blanka betul'
preskaŭ el radiko eltirita!
Ploris preterpasante mute almozul'
pro severeco de evento okazita!
Sur falinta branĉar'
alflugis birdeta amikar'.
Malgaje eĥis la birdeta koncerto
ĉu pro ilia mallerto ĉu pro vivosperto!

### Falas neĝeroj

Falas neĝeroj tenere.
Alvoku min almenaŭ iam
por ke mi aŭdu vin sincere,
por ke ne estu nur en sonĝoj via am'.
Delonge ni ne renkontiĝis
kvankam "pluvo da kisoj" estiĝis.
Ni preterpasas kvazaŭ amhazarduloj
aŭ kiel du falsaj fremduloj.
Dum vintro brile blankiĝas
sur la neĝoebeno via nomo vidiĝas.
Mi ankoraŭ estas amofajron reatendonta
por ke mia koro estu baldaŭ varmigonta!



### Luno kaj Sankta Klaŭso

Frue noktiĝas.
Sur la stratoj troviĝas
ornamitaj lumigiloj.
Miloj da multkoloraj briloj!
Ornamaĵoj ni ĉiel tre amas.
En fenestro kandeloj flamas.
Fajretoj kvazaŭ ĉiela feino
forĵetis steletojn al nia sino!
Nigroflava danc'.
por poetoj bona ŝanc'.
Luno vaganta faras magion
lumigante sur la ter' ĉion.
Decembra vesper'.
Dum dormetas loĝantar'
promesas al ĉiuj vivoprosper'
Sankta Klaŭso, zorgante pri sia homar'!



## Frank Vohla

### Kristnasko minacas

Ve, ĝi fatalas, Kristnask' nin ekminacas.
La nura pens' pri tio jam min agacas.
Pli terure ol komputila eraro
tuj teroros nin la kristkukaro.

Kie kristanoj regas la regionojn,
perforto naskas hidajn burĝonojn.
Jen plektiĝas al la varofetiĉismo
la religia fanatikismo.

La Nikolaoj, mi celas la vipemajn,
tradraŝas ribelinfanojn, la ekstremajn.
La inoj foje escepte ne malicas.
Nikolaino ne jam komplicas.

Laŭtaj infanoj, la privilegiitaj,
pro la donacoj fariĝas tuj senspitaj.

Tiel oni kun lert' ilin dresas
kaj obeon ili do promesas.

La Nikolao-vergo mem ne aspektas
tia, kia policul' ĝin elektas.
Nikolao en ruĝa uniformo
sin distingas de l' polica normo.

Vualita per barb' kaj kapuĉotolo,
lin protektas nek kask' nek granda pistolo.
Sed tamen Nikolao protekton trovos,
ĉar kukviktimoj sin ne plu movos.

La plenŝtopitoj sur la fotela ledo
de Sankta Nikolao estas la predo.
La lumpoluci' kun rapideco kreskas,
ĉar lumoĉenoj ek-inkandeskas.

Pli da homoj forŝtelas sin suicide:
la Festo de l' Mort', nun diboĉas senbride.
Se por bestoj kaj homoj ĉesas la teroro,
la transvivantoj dankas el koro.

*el la germana trad.*



**Hans-Georg Kaiser (Germanio)**

## Siv Burell (Svedio)



### Periodo de transiro

Kiam glacirompiĝo venas
la torentoj sin ĵetas
kuraĝe suben
kun agresemo.
La muĝo kaj tondro
atestas pri batalo,
batalo por liberiĝo.

Agresemaj homoj
eble ankaŭ klopodas
liberigi sin.

### Vetero-poemo

**Ŝtorm'**
renversa je form'
kaj forto
ĉu estonteca norm'?

**Neĝ'**
kaj prunj' sur ĉiu heĝ'
rara vido nun
ŝanĝ' de klimata leĝ'.

**Vent'**
en ĉi moment'
blovas sur la vang'
tiklas al mia sent'

**Sek'**
pli bone ol malsek'
ni restas ene
ĉe muzika mek'.

### Skorpio

Bedaŭrinda Skorpio,
ĉiun malbonan oni kulpigas vin
kaj eĉ se vi volus
vi ne povas ŝanĝi
la kadrojn –
nur tion,
kio troviĝas
ene.

Ŝanĝu vian karmon
paŝon post paŝo
kaj vi evitu
fariĝi Skorpio
en via venonta vivo!

## Elena Popova (Bulgario)



### NEĜA HOMO

Belega estis
la Neĝa homo

kun siaj vestoj.
La infanoj festis.

Tage la suno
ĝin kisis senĉese
kaj ĝi ekploris,
ploris, ploris…

La Neĝa homo
ankaŭ havas koron…

## William Blake (1757-1827)

# La muŝo

Gaja muŝ' ,
flug' en somer' :
ies manfuŝ' ,
jam vi sur ter' .
Ĉu ne 'stas mi
al vi rilat'?
Min ĉu ne vi
je sama stat'?
De l' hom' ĝuind'
'stas trink' , kant' , danc' :
Ĝis ĉe manblind'
ĉesi la ŝanc' .
Se la rezon'
'stas viv' , spir' , fort' ,
kaj l' nesindon'
de ĝi 'stas mort' ,
'Stas mi nu jam
muŝ' en gajĝu':
Ekde l' vivflam'
ĝis vivneplu'.

*Tradukis el la angla lingvo*



**Wel CR (Brazilo)**

## Cecília Meireles

# EĈ DIO TAKSIS ĜIN FELIĈO

Elkanta mia sufero
tiel dolĉis laŭ la vorto,
serenis laŭ l' maniero,
ke eĉ al Di' mia sorto
ŝajnis ĝuo ne sufero.
Orliraj ĉiuj anĝeloj'
en alta apreza klin' .
Ter' tuta pro l' voĉrafin'
min enviis, al la steloj
juĝis esti ĝi afin'.
Mi vekis ulojn en dormo,
mortintojn mi suspirigis.
Ĝoj' laŭ ĉielark' post ŝtormo
el mia buŝo sinleve:
Viv' kaj sonĝo sin plenligis.
Iĝis ĉe l' mister' de l' kanto
sen vid' vi, Dio sen scio...
Mirindega plordonanto:
— ĉiuj sorĉitaj de l' ĉanto,
nur mi en tristagonio!
Tiel dolĉan sinprezenton
de mia sufer' en verso
volis Di', mian lamenton
donu ke la Universo
el ĝi verŝu ĉi kontenton!

*Tradukis el la portugala lingvo*

**Wel CR (Brazilo)**

## Mimoza Ahmeti



# La historio de la ĉielo

Ĉielo, kie estas do via historio,
Tiu de la nuboj, de la pluvoj, de viaj sunoj,
De la ravigaj ploradoj,
De viaj forglutigaj vorticoj, de la kavaĵoj
Mallumaj, kie la solidoj absorbiĝas
Sub la nekonata kosma volupto.
La historio de viaj raraj medleroj,
De tiu gratenanta kaj mortanta steleca pulvoro
Kvazaŭ la kastaj filoj malaperas en lukso.
La kometoj kiuj fajron en la aeron projekcias-
Lasta memoro de la unua amo.

Ne ekzistas komenco, nek fino por vi,
Ne ekzistas kronologio,
Ho ĉielo, ho dolora amo
De la via filo,
Kiun vi forlasis
Ĉi tie en la tero,
Pro la malbona kaŭzo
Ĉar li komencis ekparoli.

Historiaj libroj pri homoj, verkitaj de homoj:
Kiel turniĝis la besto en homon, kiel naskiĝis la Tero,
La nebulozoj, la tertremoj, la vulkanoj, la malvarmo,
Centaŭro, dinosaŭro, fringlo,
Aliaj similaj multaj bagatelaĵoj...

Nenie oni vidis ĉielan historion,
Pri la animo, kiel ĝi al homa animo transformiĝis,

De la evento, kiu apenaŭ konas komencon, nek pruvon,
Kvazaŭ cerba subtavolo, delira, kapturno,
De la via filo, ebriiĝinta, ho ĉielo,
Lin forlasinta
En lia pli humila sorto,
Al kiu vespere la raviĝon vi levas per steloj suspende,
Dum la devon vi almontras matene
Per la alteco de la suno...

La oka kaj tridek, estas vespermanĝo,
Ĉirkaŭ la tabloj kunfrapiĝas la kuleroj...
Mi scias: por vi la horo estas bagatelaĵo,
Por vi apenaŭ ekzistas tago, nek nokto, nek naskiĝo, nek morto,
Por vi apenaŭ ekzistas afero, problemo aŭ solvo,
Por vi ne estas malamiko, armeo, nek venko,
Konflikto, nek dramo, nek leciona konkludo...
Ĉio el vi konsistas kaj ĉe vin revenas
Ankaŭ la plej mortinta ero sin esprimas
Plej vigle...

Por vi idealo estas nur la senfino.
La temperaturo, la varmigo, la frostiĝo aŭ degeliĝo,
Tio vidata, la apero aŭ la esenco mem,
Ĉiuj estas inventaĵoj akiritaj de la logiko
De nia maso kaj kapableco
Kiu estas limigita en viaj senlimoj.
Kaj mi vian historion revas,
Kiu ankaŭ mia inventaĵo ja estas...

*Elalbanigis*



**Bardhyl Senimi (Albanio)**

# El Ĉina Antikva Poezio

## Huang Tingjian (1045-1105)

**—laŭ melodio *Ĉarma kantistino***

Post pluvo pendas la rompita ĉielarko
sur purlavita la aŭtun-ĉielo.
La mont' farbiĝas per nov-verdo,
ja kvazaŭ sveltaj brovoj en ĉarmbelo.
En luno osmantarboj donas densan ombron,
do, kiu dirus, ke al luno mankas helo?
Sur la ĉielo blua dekmil-liojn vasta,
la lunfeino Chang'e en lunbrila la fabelo,
kie ŝi trovas sin en lunpalaco?
Malvarma lumo disĵetiĝas jen tumulte,
kial ĝi falas nur sur vinon de mielo?

Nun mi kun grupo da junuloj,
sur friskaj padoj jen fervore,
promenis en arbaro densa,
de la hejmlok' treege fore.
En korto de l' amik' ni festas
la raran ŝancon jen ĉi-hore
de l' rekuniĝo per drinkado.
Mi maljunulo ŝatas fole
vagadi tra la land' dumvive.

Amiko mia jen ekludas bambu-fluton
kaj la muziko sonas singultplore,
ĉar mi la fluton ŝatas ja elkore.

**—laŭ melodio *Serena muziko***

Kien la printempo jam reiris?
Ĝi vanuis ja senspure
en kvieta strato.
Jen alvoku l' homon, kiu scias
pri l' printempa kurso nure,
al ni por loĝado.

Kiu scias pri l' printempa spuro?
Pridemandu l' oriolojn jen senpere.
Ili ĉirpas ade kaj ripete kun plezuro,
sed neniu ilin subkomprenas vere,
ĉar jam ili flugis per la vent-veturo
trans rozujoj ja leĝere.

## Spektado al umefloroj

**—laŭ melodio *Belulino Yu***

Ĉe l' ekstremo de la lando,
mi ankoraŭ sensas spiron
de l' hejmloko sude de l' rivero.
La burĝonoj umefloraj
ja heroldas venon de la primavero.
En profunda nokt' zefiro
la aromon umefloran kun leĝero
ja alblovis jen de temp' al tempo.
Ĉe mateno freŝaj floroj jam en vero
kovras branĉojn sub sunlumo
strikte unu apud la alia ja en belo.

Kontraŭ l' freŝ' de floroj
pudr' kaj ruĵo kun envio
devus kovi morozecon,
ĉar princin' eĉ kun pasio
ŝatas ilin por ornamo.
Ĉe l' vidaĵ' mi emas ĝis ebrio
drinki tas' post taso.
Jam dek jaroj pasis sen konscio,
kaj mi nun oldiĝas kaj perdiĝas
miaj junaj vol' kaj ambicio.

## Spektado en promeno

**—laŭ melodio *Preludo de akva melodio***

Herboj tiom freŝe verdas,
la printempo venis jam nerimarkite
al la rivereto Wuling.
Sur akvosurfaco flosas glite
jen sennombraj persikfloroj.
Orioloj kantas ja ekscite
saltetante sur arbbranĉoj.
Volus mi trairi senhezite
inter floroj ĝis la profundeco
de blanknuboj kaj senbride
montri mian ambicion super
ĉielarko ĉe-zenite,
sed mi nure timas, ke vestaĵoj miaj
malsekiĝus tro humide
de surfloraj rosoj neevite.

Sidas mi sur jada ŝtono
kaj apogas min al jada kapkuseno
por ekplektri kordojn de liuto.
Kie estas la poeto kun ĉagreno?
Nun neniu volas verŝi vinon
por mi en konk-tason jen sen ĝeno.
Mi preferas esti fea herbo
ol filistro kun vulgara ĝojmieno.
Kial mi devigas min kriadi longe
al ĉielo kun plendpleno?
Je stimulo de ebrio mi dancante
do malsupreniru sen ve-ĝemo
la monteton sub pelado
de la brila luno al mi memo.

## Ondon pelas ondo

**—laŭ melodio *Kora sento***

Jen ondon pelas ondo
sur vasta la rivero.
Fiŝisto olda kun ĉapelo
bambua kaj pajlomantelo
fiŝhokas ĉe boato.
Li havas fortan volon kun espero
sukcesi kapti fiŝojn spite al profundo
de akvo kaj malvarma la vetero.

La fiŝo glutas la logaĵon
kaj tuj ĝin vomas heziteme,
rifuzas kapti l' hokon,
naĝante ĉirkaŭ ĝi timtreme,
post longe ĝi hokitas tarde.
Sur frida akvo li reiras reme,
banite en lunlumo, flue inter
nigrverdaj montoj seriozmiene.

*elĉinigis*



**Vejdo (Ĉinio)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DUDEK-TRIA

## Gengsang Chu

### §23-08

La vivo estiĝis el nenieco. Se vi intencas fari klarigon pri tiu ĉi situacio, vi povus nomi ĝin "neapartigebleco de pravo kaj malpravo". Tamen tiu ĉi situacio estas neesprimebla per la vortoj, ĉar vi apenaŭ povas ĝin scii. Ekzemple, ĉe la vintra oferado la tripo kaj la piedoj de bovo povas esti konsiderataj kiel apartigeblaj, sed en efektiveco ili estas neapartigeblaj partoj de la sama ofera bovo. Kiam vi vizitos palacon, vi vizitos prapatran templon kaj poste, apenaŭ neeviteble, ankaŭ la necesejon. La du ekzemploj ilustras la "neapartigeblecon de pravo kaj malpravo".

Permesu al mi paroli pri tiu ĉi ideo. Ĝi prenas la vivon kiel la bazon kaj prenas la inteligentecon kiel normon, por fari distingon inter la pravo kaj la malpravo. Ĉar ni havas nomojn kaj la efektivojn, ni fidas al nia propra normo por distingi la pravon kaj la malpravon kaj penas devigi aliajn starigi sian normon kaj eĉ morti por ĝi. Tia homo konsideras la socian sukceson kiel signon de saĝeco kaj la socian malsukceson kiel signon de stulteco; kaj ankaŭ la sukceson kiel honoron kaj la malsukceson kiel honton. La "neapartigebleco de pravo kaj malpravo" estas ĝuste la vidpunkto adoptita de la modernaj homoj, kiuj estas tiel sensciaj kiel la cikado kaj la turto.

### §23-09

Se vi piedpremas la piedon de nekonato en la bazaro, vi petas lian pardonon. Se vi piedpremas la piedon de via pli juna frato, vi donas al li vorton de simpatio. Se vi piedpremas la piedon de via filo, vi bezonas diri nenion pardonpetan. Tial estas dirite: "La perfekta ĝentileco faras nenian distingon inter la koncernato kaj la aliuloj; la perfekta justeco faras nenian distingon inter la koncernato kaj la estaĵoj; la perfekta saĝeco sin turnas al nenia projektado; la perfekta humaneco montras nenian favoron; la perfekta fido postulas nenian garantiaĵon."

### §23-10

Eliminu la perturbojn al via volo, malstreĉu la ligilojn al via menso, senpezigu la ŝarĝojn de la virto kaj forigu la obstaklojn al la Taŭo. La eminenteco, la riĉeco, la distingiteco, la honoro, la famo kaj la intereso — tiuj ĉi ses estas la perturboj al via volo; la aspekto, la konduto, la vizaĝkoloro, la karaktero, la temperamento kaj la korinklinoj — tiuj ĉi ses estas la ligiloj al via menso; la malamo, la amo, la ĝojo, la kolero, la malĝojo kaj la plezuro — tiuj ĉi ses estas la ŝarĝoj de via virto; la rifuzo, la akcepto, la preno, la dono, la inteligenteco kaj la kapableco — tiuj ĉi ses estas la obstakloj al la Taŭo. Se ĉio ĉi tio ne kuras senbride en via menso, vi estos en trankvilo; se vi estas en trankvilo, vi estos en kvieto; se vi estas en kvieto, vi estos klara; se vi estas klara, vi estos malplena; se vi estas malplena, vi donos nenion kaj tamen vi povos fari ĉion.

La Taŭo estas la respektata origino de la virto; la vivo estas la lumo de la virto; la denaska naturo estas la esenco de la vivo. La funkcio de la denaska naturo estas nomata "ago", dum la devio de la ago estas nomata "eraro". La sciado estas la rezulto de la kontaktiĝo kun la realo, dum la saĝeco estas la racionala sciado. Iafoje la homo kun scioj ne povas kapti certajn aspektojn de la realo, same kiel la okuloj strabaj ne povas ampleksi certajn aspektojn de objekto. La spontanea ago estas nomata "virto", dum la intenca

ago estas nomata "bona ordo". Iliaj nomoj estas kontraŭaj inter si kaj tamen estas sinonimaj en efektiveco.

**§23-11**

La arkpafisto Houyi estis tre lerta en la trafado de plej malgranda celo, sed li estis mallerta en la evitado de flatuloj. La saĝulo estas lerta en la sinkonformigo al la naturo, sed li estas mallerta en la sinkonformigo al la homo. Nur la perfekta homo kapablas sin konformigi al la du. Nur la bestoj povas ĝui la vivon de bestoj; nur la bestoj povas gardi sian denaskan naturon. Tio, kion la perfekta homo rifuzas, estas nur la artefarita naturo. Kiel do li povus kompreni tian naturon? Li eĉ ne povas ĝin kompreni en tia okazo, ke la homo estas apartigita disde la naturo laŭ la homa volo.

Kiam pasero flugis en la vidkampon de la arkpafisto Houyi, li estis certa ĝin trafi — tio estis lia lerteco. Se la tuta mondo estus kaĝo, la pasero neniel povus eskapi. Tial la reĝo Tang de la dinastio Shang gajnis Yiyin farante lin kuiristo, kaj la duko Mu de la regno Qin gajnis Baili Xi aĉetante lin por la prezo de kvin ŝaffeloj. Unuvorte, oni neniel povas gajni al si homojn sen korinklinigi ilin al si.

**§23-12**

La krimulo, kies piedoj estis pune fortranĉitaj, ne plu bezonas sin ornami, ĉar li estas indiferenta por la mallaŭdoj aŭ laŭdoj. La punlaborulo ne havas timon tiam, kiam li estis sur altega loko, ĉar li ne plu zorgas pri la vivo kaj la morto. Tiu, kiu ne sin venĝas por la suferita malbono, ne faras plu distingojn inter si mem kaj la aliaj. Tiu, kiu ne faras plu distingojn inter si mem kaj la aliaj, estas ĉiela homo. Se la ĉiela homo estas respektata, li ne ĝojas; se li estas insultata, li ne koleras. Nur tiu, kiu estas en perfekta harmonio kun la naturo, povas atingi tian staton de la animo.

Tiu, kiu montras sian koleron sen koleriĝi, estas kolerigita de sia ne-kolero; tiu, kiu plenumas ion sen farado, agas per senagado. Tiu, kiu volas esti kvieta, devas reguligi sian spiradon; tiu, kiu volas esti vigla, devas kvietigi sian menson; tiu, kiu volas konformigi siajn agojn al la naturo, faras nur tion, kio estas nepre farenda. Jen la vojo, kiun la saĝuloj sekvas por atingi la Taŭon.

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinio)**

# Ĉineske

## Jadranka Miric (Serbio)

### Promeno

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Promeno
laŭriverborde
antaŭ tagmezo.Griza
nubar`pendas senorde.
Vent' tuŝas morde.

Frostiĝis
grundo. Humida
odoro de putraĵo.
Vintra morto rapida
kaj viv' perfida.

Branĉaro
jam nuda ploras.
Sur la tiliopinto
nur korvoj gaje festas.
Malice grakas.

Aero
ve, haladzita
viruse infektita.
Vivo kvazaŭ milita,
popol' maskita.

Novembra
serena tago,
suna kun freŝa odor'.
Bona homreago

esti ĉe lago!

## La unua vintra semajno

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Aŭtuno,
adiaŭis mi
de vi. Ekdancis vintro!
freŝos aer'. Ĝojas ni.
Bonvenon al vi !

Rigardis
mi tra fenestro
fumtubojn vidalvide.
Ho, grizaj fumoj, Estro
vidu! Estas tro!

Aera
infektado ,ve !
Restis ni longe hejme!
Eltenis ĉion pave!
Vere tre brave!

Ekneĝis
tutnokte....Karme?
Por purigi aeron.
Ridis ni okullarme.
Aplaŭdis varme!

Sunbrile
jam mateniĝis.
Infanaj ĝojaj krioj
eĥis brue. Noktiĝis!
Ĉio blankiĝis.




—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Noktiĝas.
Aŭdiĝas fore
laŭta hundobojado.
Lun' salutas nin kore.
Brilas aŭrore.

Pasas nokt'
Ornamaj brilaj
trembletas sur fenestro.
Atendas nin novjaraj
festoj. Solenaj.

Ĉiam ni
tradicie festas.
en la familia rond'.
gaje ni amuziĝas,
elkore kantas!

Semis mi
kristnaskan grenon.
laŭ tradicie festi.
Knedos mi kukopanon!
Bonegan sanon!

Ankoraŭ
noktiĝas. Planu
vi ĉion por venontaj
festoj. Ni ekdeziru:
ke vivo gajnu!



**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Elena Popova (Bulgario)

## NOKTA BALO

Ekneĝis nokte – malrapide, trankvile. Ĉiuj dormis, eĉ la strataj hundoj, kaŝitaj ie en seka loko. La maldikaj branĉetoj de la arboj, demandis unu la alian kio iĝis. Ili estis junaj kaj ne konis la vintron.
Komenciĝis la balo de la neĝeroj. Silenta muziko de nevidata orkestro. Vintra spektaklo de netera reĝisoro. La luno vane provis rigardi la teron – nun ĝi estis maldika, kiel arko kaj la neĝeroj malpermesis al ĝi vidi.
La unua tago de la vintro estis blanka – bona aŭguro.

Chi Zijian

# Neĝas en mia mondo

Mi ŝatas reiri al mia hejmloko, ĉar tie miaj okuloj, animo kaj piedoj havas idealan lokon por promeni trankvile. Nur tri ĝis kvin minutojn bezonas iri de mia loĝejo al la pitoreskejo priskribita de mi. Mi kutime elektas vesperkrepuskon kiel tempon libere promeni. Mi ekiras de la nordo al la sudo, laŭ la digo aŭ la riverbordo. Kiam mi paŝas sur la digo, mi renkontas la maljunulon, kiu pelas gregon da kaproj al la hejmo. Tiuj kaproj, irante sur la deklivo de la digo, rodas verdajn herbojn, kvazaŭ ili ne volus reiri al sia stalo. Mi ankaŭ ofte vidas maljunulinon, kiu revenas kun aro da nigraj anasoj, kiuj ŝin sekvas obeeme. Mi preferas promeni laŭ la riverbordo ol laŭ la digo, ĉar mi ŝatas speguliĝon de la vespera sunlumo ondantan en la rivero, kies surfaco estas la plej bela ripozejo por la subiranta suno. La vespera suno speguliĝanta en la akvo estas ankoraŭ pli pompanta ol la vespera suno mem. Kompreneble videblas montetoj kaj salikarboj projekciitaj sur la akvosurfaco, kiu ŝajnas pentraĵo tuĉita per la vespera suno, arboj, nuboj kaj brizo. Pere de ondetoj la brizo vivigas la pentraĵon. Kiam la brizo blove krispigas la riverakvon, la leviĝantaj ondetoj rompe diserigas la projekciitajn bildojn de la subiranta suno, nuboj kaj arboj, igante la kolorojn sur la akvosurfaco apartigitaj dum momento, tiel ke tridimensia impreso prezentiĝas, simila al fama moderna pentraĵo. Mi tre ŝatas rigardi tian bildon. Pro tio, se neniu brizo donas helpon aŭ neniaj ondetoj ludas sur la akvosurfaco, mi, klininte min, levprenas kelkajn rulŝtonojn kaj ĵetas ilin en la akvon. Tiam la bildo sur la akvo tuj varias, kaj sidante sur la bordo, mi kviete pririgardas ĝin dum kelka tempo. Kompreneble mi ne kuraĝas sidi tie longe, ne pro tio, ke la sombra malvarmo sur la bordo min atakas, sed pro tio, ke kuloj senĉese alflugas kaj zumadas ĉirkaŭ mi, kaj mi ne volas, ke mi provizas ilin per vespermanĝo el mia sango.

Kiam mi sentas min laca, okupiĝante pri verkado en la kabineto, mi nur eklevas miajn okulojn kaj mi povas okule ĉirkaŭpreni montetojn ekster la fenestro. Oni diras, ke la verdaj montoj estas okulplaĉaj, sed fakte ankaŭ plaĉas al okuloj tiuj blankaj montoj longe kovritaj per neĝo, kiuj similas blankajn elefantojn devenantajn el la ĉiela lando. Kompreneble tra la fenestro mi povas observi la nubojn flosantajn tien kaj reen. Nuboj ne nur ŝanĝiĝas rapide en formo, sed ankaŭ iliaj koloroj. Antaŭ momento vidiĝis densa maso da griza nubo, kaj dum flosado ĝi dispeciĝas en kelkajn boatformajn nuberojn, kies koloro fluoreske blankas. Se la ĉielo estus blanka papero, nuboj estus inkmakuloj disverŝitaj sur ĝi, kelkaj dense malhelaj kaj aliaj hele palaj. Tio indikas, ke en pentrado nuboj servas kiel kreivaj elementoj.

Ĉu vintre ĉu somere, se la lunlumo sufiĉe altiras, mi malŝaltas la lampon en la dormoĉambro, distiras la fenestrokurtenojn, kaj kuŝiĝas en la liton por ĝui la lunon. La lunlumo flue filtriĝas tra la fenestrokrado en la ĉambron kaj prilumas la liton, kiu rebrilas per varma kaj blanka lumo. Banite en la lunlumo mi ŝajne ekhavas la belan senton promeni en nuboj. En ĵus pasinta Aŭtunmeza Festo mi tiamaniere aprezis la lunon, kuŝante en la lito. Tiutage la ĉielo plenis je densaj nuboj. Dumtage disversiĝis frosta pluveto kaj post tagmezo la unua neĝeto de la komenca vintro nerimarkite ekfalis. Rigardante la neĝerojn flirti papilie, mi konsideris, ke mi ne povos vidi la lunon nokte. Tamen ĉirkaŭ je la sepa la luno subite eligis kelkajn lumstriojn tra nuboj en la oriento, kvazaŭ heroldante ĝian solenan alvenon ĉe la noktomezo. Post la oka nubtavoloj maldensiĝis kaj la luno montris sian vizaĝon momentete el inter la ruliĝantaj nuboj. Post la naŭa la kolosaj nubtavoloj, kiel milion-nombra trupo, transpasis la Arĝentan Riveron (Laktan Vojon), plejmulte malaperis senspure, kaj la luno malkaŝis sian tutan vizaĝon. Eble pro baptado de dumtagaj pluvo kaj neĝo, ĝi aspektis ekstreme klara kaj pura. Kuŝante sur la lito, mi rigardis ĝin. Banite en ĝiaj silkecaj lumradioj, mi sentis, ke bona tempo malpeze frapetas mian frunton, kaj mi ekhavis ekstreme teneran kaj feliĉan senton en la koro. Post momento aperis alia aro da nuboj tre maldensaj, kvazaŭ ili servus kiel kolora vesto por la luno, ĉar kiam ili amase ĉirkaŭis la lunon, tiu, per sia amema koro, prilumis la

nubojn, kiuj siaflanke emanis koloran nimbon. Koloraj nuboj montriĝis mason post maso, kaj la luno aspektis kiel kolosa mielpampelmuso, kiu donis la impreson, ke ĝia pala brilo elspiras densan dolĉan aromon. Ĉe noktomezo nuboj tute vanuis. La luno ĉe la zenito kvazaŭ dronis en lagakvo kaj la ĉielo sin montris ankoraŭ pli lazura ol tiu de la serena ĉielo. Vere malfacile videblis tiu aŭtunmeza luno jam travivinta ventblovon, pluvadon, prujnadon kaj neĝadon. Post aprezado de tia luno, mi tiunokte havis sonĝon, en kiu plene regis hela lumo.

Mi ankoraŭ memoras, ke la duan de la unua lunmonato de 2002 mi kaj mia edzo estis invititaj al manĝo ĉe la hejmo de la frato situanta sude de la urbo. Ni ne prenis aŭtomobilon en la urbo, sed piediris sur la diga vojo ĉirkaŭ la malgranda urbo.Tiutage neĝis. Ĝenerale neĝa vetero estis varma, kvazaŭ neĝeroj rezistus la frostfluon per sia malforta korpo. Sur la digo videblis neniu signo de homoj. Nur ni solaj senvorte paŝis manon en mano sur la neĝo. La montetoj aspektis malklare en la neĝo, dum la rivero piede de la digo senformiĝis sub dika kovro de la neĝo. La konturoj de la salikoj kaj verdaj poploj sur la bordo vidiĝis malprecize. La ĉielo kaj la tero sin montris tiom vastaj kaj profundaj, sed tiom intimaj. Irante, mi subite faligis larmojn. Mi vere sciis, ke larmado ĉe la sojlo de la nova jaro ne estas deca nek bonaŭgura, sed mi ne povis deteni min, ĉar tiu senkompara beleco naskigis al mi tristan senton. Tri monatojn poste mia edzo forlasis min. En la vintro de tiu jaro nur mi sola iris sur la digo plene kovrita per blanka neĝo. Tiam mi subite venis al la kompreno, kial mi larmis tiutage, ĉar la ĉielo kaj la tero sugestiis al mi, ke la bela sento forlasos min por ĉiam kaj mi estos ĉirkaŭita de la malvarma tristeco de la antikveco por eterne!

Feliĉe verdaj montoj kaj riverfluoj ankoraŭ ekzistas, salikoj kaj verdaj poploj sur la bordo ankoraŭ ekzistas, kaj ankaŭ la morgaŭo, tiel ke miaj okuloj kaj animo havas lokon por nesti kaj mia plumo havas la tiklajn punktojn de la plej emociplena sento por verkado. Tial mi ankoraŭ ŝatas promeni ĉe vesperkrepusko, rigardi la subirantan sunon en akvo kaj spekti falantajn foliojn en vento kaj montetojn en neĝado. Mi ne timas maljunan kadukiĝon, ĉar mi volas, ke kiam miaj nigraj haroj blankiĝos, la lunlumo fandiĝu kun miaj haroj, por ke la lunlumo ne povu distingi ĉu ĝi estas la lunlumo aŭ miaj blankaj haroj, nek mi povu distingi ĉu ĝi estas miaj haroj aŭ la lunlumo sur la kapo. En nokto antaŭ kelkaj tagoj mi faris sonĝon pri neĝego. Mi sola iris al neĝflirtanta loko, kie troviĝis domoj ĉie, sed videblis neniu signo de homoj. Mi povis vidi nenion alian ol dancantajn neĝflokojn. Neĝeroj frapis mian vizaĝon tiom friske, tiom malsekete kaj tiom intime. Kiam mi vekiĝis el la sonĝo, estis mallume profunda nokto ekster la fenestro. Mi rememoras, ke en kia ajn sezono de la jaro mi faras sonĝojn pri neĝeroj, malgraŭ birda pepado kaj flora aromado ekster la fenestro. Ŝajnas al mi, ke tio, kio ĉirkaŭas min, destinas esti la mondo refreŝiga sed tristiga, romantika sed frosta. Mi sentis min iom emociita kaj urĝeme volis skribi kelkajn vortojn sur la blanka papero. Mi etendis la manon por ŝalti la lampon ĉe la litkapo, sed ĝi ne lumiĝis, eble pro tio, ke okazis elektra interrompo dumnokte. Mi ŝaltis la poŝtelefonilon kaj sub ĝia malhela lumo mi skribis per plumo sur printpapero tiujn vortojn, kiuj plej bone esprimis miajn penson kaj senton. Kaj poste mi reiris al la lito kaj daŭrigis mian sonĝon.

Tiuj vortoj estas: neĝas en mia mondo.

Jes, neĝas en mia mondo.

*elĉinigis* **Fangfang (Ĉinio)**



_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_